Vegetaranoj el ĉiuj popoloj - unuiĝu!

# vegetarano

VEGETARISMO
ETIKO
HIGIENO
EKONOMIO

Organo de T.E.V.A

Tutemonda Esperanta.

Vegetara Asocio.

Numero 3-4

Vintro - 1965

## Buĉej'kulturo

Elise Hein.

Survoje al pli alta disvolviĝo troviĝas ŝtupo ne trans-saltebla.Estas ĝi la sensnga nutriĝo,la vegetarismo.Kompare la grandega nombro de adeptoj en la Budhistaj landoj de la malproksima oriento,troviĝas nur malgranda aro en la kristanaj landoj de l'okcidento,kiuj trapenetris al la ekkono de la malieca nutraĵmaniero,kaj deflankiĝis de la buĉejkulturo.

La plimulto posedas la falsan iluzion,ke ili bezonas - cele nutriĝo - la viandon de siaj kunkreitaĵoj, dum la fama nutrad'scienculo D-ro Bircher Benner el Svisujo - kaj aliaj - deklaris, ke la viandmanĝado estas pasio, same kiel alkohol'uzo kaj tabakfumado.

Ekzistas homoj kiuj klopodas - kun grandega oferemo -plibonigi la sorton de la suferantaj bestoj, kies tuta vivo ilia estas kruela turmentado kauzata al ili per la homo.

Oni diras:"La transportado de la buĉbestaro kaj la buĉado mem estu praktikata humane".Sed oni ne atentas,ke ĉia buĉado - eĉ praktikata "humane",lau ilia imago - estas ago kruela,kaj oni devas konsideri ne nur la korpan torturon,sed ankau la animsuferon de la bestoj.Kiel eblas alie klarigi la senesperajn forkur'provojn de la bestoj lastmomente?

Kun tiuj ĉi "plibonigoj" estas same kiel kun la herbaĉoj, ĉe kies forigo oni ne ekstermas ilin kun la radikoj,kaj tiel postnelonge denove plimultiĝas.La viandkonsumo,kiu konstante pligrandiĝas, alportas samtempe novajn malbonajn statojn. Apenau - lauŝajne - unu estas forigita, tuj aperas nova.

Oni eltrovas ĉiam novajn bestturmentajn metodojn,cele pli profitdona negoco.kaj se ne temas pri bovido,estas ĝi alia besto.Kaj tiel tio ĉi dauros,tiom longe la homaro toleros la kanibalan kutimon de viandkonsumo;kaj kiu demandas ĉe la rostaĵo,kielmaniere li atingis tiun ĉi "plezuron".Nur malmultaj pripensas la aferon, kaj de tiuj troviĝas nur malgranda aro kiuj rezignas la viandon pro la suferado de la bestoj.

Kaj tiel moviĝas la homaro en tiu ĉi monstra cirklo.La nesciantoj kaj ne dezirantaj scii,ke ili per tia konduto malebligas sian propran disvolviĝon "al pli alta estaĵo" kiel diris Goethe. Sed - je kio utilas arto, poezio kaj scienco konstruita sur maldika laktavolo, sub kiu marĉo de sango kaj torturo boletas, kien ni forpelis niajn kunkreitaĵojn, kaj en kiu ni ĉiuj povas esti kuntrenotaj.

Transformiĝi en ĉiam novajn formojn,cele disvolviĝo "al pli alta estaĵo" - kuŝas en nia mano,sed nur tia homaro kapablos atingi tion,kies vivbazo ne estos plu la - buĉejo.

(el "Vegetarisches Universum")tradukis: J.D.



Fondita en 1914 Junio - Decembro - 1965

Nova serio

Pro la Vivo  Por la Sano

# VEGETARANO

Organo de Tutmonda Esperantista Vegetara Asocio.
(T.E.V.A) kaj de Naturista Fako de S.A.T.

Dank'al la Internacia Lingvo ESPERANTO, la revuo "Vegetarano" celas faciligi la interŝanĝon de ideoj kaj spertoj pri VEGETARISMO kaj NATURISMO tra la tuta mondo. Ĝi informadas la Esperantistojn pri tiuj ismoj,kaj montradas al la naturistoj kaj vegetaranoj la rolon de la Internacia Lingvo por la progreso de ilia movado.

## La vegetara mondkongreso -1965

La 18a vegetara mondkongreso okazinta ĉijare en Swanwick (Anglujo) dum 28a augusto - 4a septembro,trapasis sukcese.Partoprenis 350 vegetaranoj el 16 landoj:Okcidenta Germanujo,Svedujo,Danlando,Nederlando,Austrujo,Francujo, Hispanujo,Portugalujo,Belgujo,Hindujo,Usono,Kanado,Australujo kaj Israelo.La anglaj vegetaranoj prezentis - kompreneble - la plej fortan grupon.

La kunrestado de la partoprenantoj okazis en unu domego kaj tendaro (por la junularo),kio estis grava avantaĝo kompare la antauajn kongresojn,ĉar plifaciligis la interkonatiĝon inter la gastoj venintaj el diversaj landoj kaj disvolviĝis amikecaj rilatoj inter ili. Same ebligis ilian aperon en la kunvenejon je la fiksita tempo.

La simultana traduko en la lingvojn:germane,france,kaj angle laubezone,kio postulis la elspezon de 1600P.Sterling ŝparis multe da tempon,kaj ankau prezentis gravan avantaĝon, kompare la laciga kutima tradukado dum la antauaj kongresoj.

La gastiĝo okazis en unu ĉambrego por ĉiuj gastoj kune. Manĝoj estis preparitaj zorgeme kaj abunde,precipe freŝaj

fruktoj.La servado estis elkora kaj laudinda.Estis tri grupoj kaj ĉiu grupo ricevis la deziratan manĝon;unu grupo - kuiritan aldone krudajn legomojn kaj fresajn fruktojn.La dua - nekuiritan manĝon kaj la tria grupo kiu konsistis el "Veganoj" - (80 personoj) ricevis senlaktan kaj senovan manĝaĵon.

La solena vespero,malfermata per la "High Commissioner" D-ro Mehtan N.Ivraj de Hindujo,estis impresiga I.a. okazis prezentado de hindaj dancistoj.Prezidis:Markizo de St. Innocent(Hispanujo),kiu prelegis salutleterojn de vegetaraj societoj el Hindujo.Burmao,Australio kaj de aliaj landoj kiuj ne povis partopreni la kongreson.Oni disdonis la protokolojn de la antaua kongreso okazinta en Barcelono 1963, aprobitaj per la Prezidanto.

Dum la tuta semajno de la kongreso, okazis multe da prelegoj.Ni mencias jenajn:

1) Enkonduko al la paco - Markizo de St Innocent.
2) Hinda filozofio kaj vegetarismo, - S-ro Rejkumar de Vizianagram.
3) Kuracaj aspektoj de la vegetarismo, - D-ro Gordon Latto.
4) La nuntempa progreso de la naturkuracado kaj vegetarismo en Europo, - D-ro Barbara Latto.
5) Pri la kuirarto - S-ro Walter Fleus.
6) Sciencaj rezultoj de l'marŝado de 20 fastantaj Vegetaranoj - Karl Otto.
7) Moderna veganismo - S-ro Wokes.
8) Praktikaj aspektoj de l'vegetarismo - D-ro R.Bircher.
9) La disvolviĝo de planta lakto - A. Studart.
10) La vojo al vegetarismo kaj ĝia valoro - Georg Hiller.
11) La vegetarismo nuntempe kaj en la estonto - D-ro Feus.
12) La graveco de plenvalora mutraĵo - D-ro Nussbaum, akompanata per kolorfilmo,preparita per S-ro Geofray Rud,kun klarigoj de S-ino Izabel Gaims.
13) La ĝusta kompreno de l'vegetarismo - D-ro C.A.Skriver.
14) Pri la vegetara instruisto - Prof.W.Brockhaus.
15) Pri vegetarismo - D-ro Jacques de Marquette.
16) Pri la "Soil Association" - S-ro Bardi,k.a.

La Hindaj delegitaj aranĝis specialan kunsidon sub la prezido de S-ro J.N.Mankar,kie okazis interesaj prelegoj donitaj per:D-ro Jai, S-roj Lal Jndal, Amrit,Dinshah, Somani k.a.

Pri la agado de vegetaraj grupoj kaj societoj en diversaj landoj raportis:S-ro Roger Boswarwa(Australio),S-ro Julius Fleischanderl (Austrio)S-ro Jay Dinshah (Usono), S-ino Barbara Jackson (Kanado), S-ro Niel Nielson (Danujo), S-ino Tamara Kruse (Francujo), D-ro C.A.Skriver(Germanujo), S-roj: Gerhard Hartel, Geo Hiller, Karl Hoeppl,(Germanujo), S-ino Wim Eickelboom (Nederlando), la Prezidanto de la Hungara vegetara societo - D-ro Eugen Keleny, D-ro A.Robinson (Israelo), Prof. Angelo de Costo Cabral (Portogalujo), S-ro Anders Kocken(Svedujo), D-ro Ralph Bircher(Svisujo),k.a.



La angla virina societo "Beauty without Cruelty"(Beleco sen krueleco) prezentis ekspozicion de artifikaj peltoj kaj aliaj ellaboraĵoj kiuj ne entenas bestdevenan materialon, gvidata per S-ino Dowding kaj S-ino D.Charters,rikoltis multe da aplaudojn de la publiko.

Lau decido, okazos la sekvonta vegetara mondkongreso 1967 en Hindujo.

Pri la novfondita Scienca Konsultantaro ce IVU - legu la unuan raporton sube.

S-ro Geofray Rud estis reelektita kiel ĝenerala sekretario, same estis reelektitaj la regionaj sekretarioj: S-ro J.N.Mankar(Hindujo kaj Oriento),D-ro Jesse Mercer Gehman(Usono).La komitato de IVU konsistas el: Prezidanto - la Markizo de St.Innocent(Hispanujo), Anstatauanto - S-ro Georg Hiller (Germanujo). Vicprezidantoj:D-ro B.P.Allinson(Britujo),S-ino Rukmini Devi Arundale(Hindujo),D-ro Ralph Bircher(Svisujo),Prof. A.B.de Costa(Portugalujo),D-ro phil.Aldo Capitini(Italujo), Prof.D.M.Cervera Cebolla(Hispanujo),S-ro Oluf Egerad(Danujo).

La favoraj raportoj pri la kongreso en la enlanda gazetaro kaj la du programoj de la Televid'servo,kontribuis multe je la scio pri la vegetarismo kaj elvokis estimon al ĝi, ĉe la vasta publiko.

La Londona Vegetara Societo meritas laudon,ĉar ebligis la simultanan tradukadon per ĝia mondonaco tiucele, same meritas laudon kaj dankon la komitatanoj de IVU kiuj tiom sindoneme preparis tiun ĉi kongreson,kiu desegnis la vojon jo agado plenumota dum la proksimaj jaroj,promesanta prosperon de la vegetara movado en la tuta mondo.

(lau la raporto de la ĝenerala sekretario de IVU - Geofray Rud).

---

<u>Unua raporto de SCIVU.(Science Council of IVU).</u>

Dum la kongresa semajno en Swanwick(Anglujo),okazis kelkaj kunvenoj de kuracistoj kaj scienculoj kiuj akceptis unuanime la proponon,starigi Sciencan Konsultantaron ĉe IVU.

La membraro de SCIVU konsistas el: D-ro Ralph Bircher(Swisujo)
D-ro G.Schmidt (Germanujo) D-roGordon Latto(Britujo)
D-ro E.kaj F.Begeihm(") D-ro Barbara Latto (")
Prof.W.Brockhaus (") S-ino Isabell Gaims(")
Ing.I.Fleischanderl(Austrio) D-ro Allan Studdart(")
D-ro Karl Otto Aly(Svedujo) D-ro Frank Wokes (")
D-ro Jean Nussbaum(Francujo) S-ro Jack Lucas (")

La taskoj de SCIVU estas:kolekti sciencajn informojn rilatantaj la vegetarismon,disponeblaj al D-ro Frank Wokes de la vegetara nutraĵ-esplorcentro(vegetarian Nutritional Research Centre)en Matford Anglujo,kaj al D-ro Ralph Bircher Zürich(Svisujo),en la lingvoj:angle,france kaj germane.Krome - grava materialo estos disvastigota inter interesuloj.D-ro Wokes klarigis la gravecon de SCIVU: La vegetarismo baziĝas sur moralaj principoj,ĝi havas - tamen - ankau sciencan bazon,kies graveco pli kaj pli evidentiĝas. Ekde la dua mondmilito ĝi disvolviĝis ĝis nun je evida rango kun grandegaj aplikadeblecoj.Ĉiu scienca progreso baziĝas sur antauaj aktivuloj.Ĉiu informado en la vasta scienca literaturo eldonita per sciencaj organizaĵoj,oficialaj publikaĵoj de stataj departamentoj,libroj kaj monogramoj de diversaj autoroj dissemitaj je miloj da volumoj - enhavas multe da informojn tre gravajn por la vegetarismo.Konsiderinda kerno de informa materialo estas jam kolektita per VNRC(Vegetarian Nutritional Research Centre)*disponebla al SCIVU - tamen esploro je granda mezuro,estas urge necesa cele disvolvo de novaj vegetajaj produktoj.

En interparoloj kun la estro de la statistika fako de FAO,D-ro Sukhatine,li elmontris interesiĝon en nia laboro kaj simpation al niaj celoj.Ekspertoj studantaj la nutraĵ-problemojn de l'mondo,koncentriĝas ĉefe pri vegetaĵaj proteinoj por anstatauigi - kiom eble pli efike - la limigitan rezervon de bestdevena nutraĵo.

La tasko de SCIVU estas do:kolekti kaj resumi la informojn kiuj prezentos la esencan bazon por la disvolvigo de la esplorlaboro,en kiu ĝi - espereble - okupos gravan lokon.

S-ro Jack Lucas informis pri la financa stato de SCIVU kaj menciis ke multe de la estonta laboro,estos farota libervole,kaj ke ekzistas jam du centroj:en Zurich kaj en Watford.Lauestime,jara budgeto de kelkcent P.Sterlingoj, obligos modestan sed gravan ekkomencon de la agado.

La esplorlaboro de SCIVU alportos ankau komercan valoron en la estonto.

(fino sur paĝo 7 sube)



<u>Mono regas la mondon</u> (2)(Parolado de Werner Zimmermann)

Tial oni nur povas atingi ŝanĝon, se oni malligus ĉi tiun oran katenon de la valuto.Sed nun aperas alia malfacilaĵo . La germana regna banko kaj la svisa nacia banko sidas sur montoj da oro, kium ili gardas en keloj, por ke neniu ŝtelu ĝin.Kaj nun oni diras:se ni malligas la valuton de la oro, kion ni tiam faru per la oramaso? Tiom da dentkuracistoj au difektaj dentoj ja ne ekzistas por enŝtopi la oron,kaj per oraj horloĝoj kaj belaj grafoj,bukoj ktp.oni ankau ne sukcesas foruzi la oron.Tiel aperas grandaj kontraustaroj al ĉi tiu ŝanĝo.Ankau Ameriko estas ĉie aranĝita sur orbazo.Tial la afero fariĝas tiel malfacila.Kiel do oni povas ŝanĝi la aferon?

Unue estas la vojo de la demokratio,kie la popolo decidas, tiel estas ĉe ni, sed estas diversaj diferencoj inter Germanio kaj Svislando.Ni en nia lando devas pli ofte voĉdoni, foje ec 5 - 6 foje dum jaro,se estiĝas disput-problemo.Vi en Germanio vivas pli agrable,vi balotas ĉiun kvaran jaron unufoje,sendas la ĝustajn personojn en la parlamenton,kiuj zorgas por ordo - kaj ĉio bonstatas.Kontraue ĉe ni, la civitanoj devas decidi, kiam novaj leĝoj estas proponataj.Tio estas tre bona.Tamen povas okazi,ke nur 25% iras por voĉdoni. Multaj diras:Mi ja ne komprenas ion pri tio, kial do mi iru tien al la balotejo? Tamen,kiu volas, povas diri sian opinion kaj konatiĝi kion li deziras,kaj povas instrui aliajn pri la afero.La gazetaro ja estas libera,oni povas paroli reciproke unu kun la alia.Tial estas bone,ke oni stariĝas la popolon ĉiam antau la problemojn kaj diras;vi havas la respondecon,vi devas pensi kaj decidi,vi povas helpi por ŝanĝi ion.EnSvislando jam kelkfoje okazis <u>ke la popolo malakceptis leĝon,kiu estis akceptita de ĉiuj partioj!</u> Tio ekzistas en Svislando,ke la civitanoj ne lasas sin trompi.Ili tiam diras:Ne pri tio ni ne konsentas!Vi komprenas,ke oni

==========================================================

Unua raporta de SCIVU (fino de paĝo 6).

Elektoj: Prezidanto - D-ro Ralph Bircher.
Anstatauanto - D-ro Gordon Latto.
Sekretario - S-ro Jack Lucas.
Plenumkomitatanoj : - Prof.W.Brokhaus, D-ro Frank Wokes, D-ro Schnitzer,D-ro Karl Otto Aly,D-ro Jean Nussbaum,inklude la Prezidanto D-ro R. Bircher kaj la sekretarion S-ro J.Lucas.
(Lau la raporto de la sekretario de SCIVU - Jack Lucas.)

==========================================================

per tio havas eblecon atingi ŝanĝojn.

En februaro 1964,okazis granda disputo en la parlamento, ĉe naciaj konsilantoj,deputitoj ktp.; temis pri la malbona inflacio! Ĉie oni diris; Jes,oni devas ĉesigi ĝin,oni devas ŝanĝi ion, sed la esencan parton ili ne volis nek povis ŝanĝi, ĉar ili estas sklavoj katenitaj per la oraj ĉenoj. Tial ili devas serĉi elvojon, provi ion alian,per kio oni povas bremsi la inflacion; en la konstru-sektoro malpermesi konstrui, malpermesi,ke ankorau pli da alilandaj laboristoj eniros Svislandon.Ĉiam temas pri pli da ŝtata potenco, io kion la svislandanoj tute ne ŝatas.

Ĉio tio estis traktata de konsilantaro en specialaj kunvenoj,multajn tagojn oni diskutis pri tio.Multaj parlamentanoj diris:ni komprenas tro malmulte pri ĉi tiuj aferoj,ni ne komprenas kio estas pri la ŝangkurzo, pri la oro,tio estas tro komplike, mi ne estas fakulo, mi ne estas bankisto. Ni ja ne komprenas ion pri tio,sed se la registaro trovas tion bona, tiam tio ja ankau estas bona - kaj akceptis.Sole kontraudiris la tielnomata Landesring(landa societo de la sendependaj balotantoj).

Vi ja scias, kiel malfacile estas ricevi politikan influon en Germanio, sendi personoj en la parlamenton.Jen estas la 5% klauzo kaj ĉio alia,per kio oni baras la eniron.Ankau en Svislando estas•malfacile enigi personoj en la parlamenton,kiuj volas mem pensi kaj agi.Ankau tie estas malgranda malplimulto de tiaj personoj, kiuj provas ricevi politikan influon.

Vi eble jam audis pri tiu s-ro Duttweiler,kiu lastatempe mortis.Li organizis la "Migro"-n, grandajn vendejojn kun memservado ktp. Li ankau estis politike interesita,kaj fondis la tielnomatan "Sendependa Landa Societo"-n, al kiu nun ankau partoprenas liberekonomianoj kiel Werner Schmied, Zürich, kaj Prof. Staelin en Arau, kiuj konstatis,ke ni kiel malgranda grupo ne povas atingi ion.Tial ni provis aligi tie, se ili konsentos al ni povas libere agi lau nia konscienco.La "Sendependa Landa Societo" estas partio, kiu kiel sola ne ordonas regulojn al siaj partianoj,kaj konsentas al ili,plene libere decidi lau ilia konscienco, se iu eniros la parlamenton.Bone, diris Werner Schmied, se tiel estas, tiam ni volas provi kunagi.Kaj fakte, li estas elektita kiel nacia konsilanto, same Prof. Staelin en Aarau. Ili estas konvinkitaj kaj konataj liberekonomianoj kaj povas tutlibere prezenti sian opinion.



El 180 naciaj konsilantoj voĉdonis sur la 12 sendependaj konsilantoj kontrau la regnaj decidoj! Dum en la debato Werner Schmied tre bone kaj elokvente parolis, prezentante la aferon ĝuste kiel ĝi efektive estas, eksonis de sur la tribuno tiom da aplaudo, ke la prezidanto volis malplenigi la tribunon per la polico, dirante,ke tio ĝenas la debaton. Tiel oni atingis en februaro (1964), ke la grupo malakceptis la registaran proponon.

En nia ŝtata konstitucio estas artikolo,kiu diras:"Se urĝa federacia decido ne estis proponata al popola voĉdonado, tiam oni devas prezenti ĝin dum la kuranta jaro". Do, lau bezono la parlamentanoj povas decidi, ĉar kelkfoje oni devas tuj agi, sed nepre dum la kuranta jaro la popolo devas okupi sin pri ĝi. La registaro do devas prezenti la aferon pri la inflacia bremsado al voĉdonado ankorau en 1965. Tiam ni trovos okazon por denove intense labori kaj informi la popolon. Kiam la civitanoj scias,ke refoje okazos voĉdonado, tiam ili iom pli pripensos la aferon: Ĉu jes, au ne, au kiel mi decidos? Tiam ni povas agi sur pli larĝa bazo.

En la svisa gazeto "Evolution"(monata revuo por Kulturo - Ekonomia - Politiko) de aprilo 1965, skribis Werner Schmied rilate al ĉi tiu voĉdonado:

La nacia konsilanto Schaffner atingis apenau sufiĉan venkon.Se oni konsideras, ke li por siaj proponoj en la parlamento trovis grandan plimulton, se oni plu pripensas, ke la kvar grandaj landoj kaj konfederaciaj partioj eldonis la jes-devizon, tiam la venko 5 al 4 ne estas grandioza.Se plu oni pripensas, ke la venko ĉefe okazis per misuzo de radiofonio kaj televido, ke la venko krom tio nur okazis per tio, ke oni la problemon de la eksterlandanaj laboristoj metis en la fokuson de la pritraktataj problemoj kaj sajnigis, ke la du decidoj pri la konjunktur-proponoj estas necesaj por eviti la tromultigon de la fremduloj, tiam la rezultato estas ankorau pli modesta.

Kaj Werner Schmied ironie aldonis:

La kaoso, kiun la propona anonco profetis, do, feliĉe por tio estas evitita.Tial nun trankvilo kaj ordo eniros la svisan landon.La indekso ne plu altiĝos, same ne la luprezoj.La hipotekaj interezoj malaltiĝos, la kapitalproponoj abundos, la gastlaboristoj estas pakantaj la kofrojn kaj adiauos kun danko, kaj ni bravaj kaj honestaj svisoj fine estos solaj inter ni. Kaj precipe danĝerajn valutajn eksperimentajn oni povos eviti, la svisa franko

brilos kun sia tradicia brilo.Ne estas kauzo por ridi!Ĉi ĉio estas pli au malpli kare promesita al ni kaj estos al ni liverata dum la kuranta jaro!!!

Krom ĉi tiuj eblecoj,ni ne forgesu,ke la unuope pensanta homo prezentas forton.Vi certe jam spertis eĉ ĉe la plejgrandaj politikaj partioj, ke nur malmultaj personoj pensas, laboras kaj la aliajn kuntiras.Sed la decida forto estas la unuopa homo.Ni estas intelektaj,pensantaj estaĵoj - la pensado estas pli granda forto ol la plejmultaj homoj scias - tial ni konsciu, ke neniu produktiva ago estis unue ideo kaj elpensita, kaj la hodiaua freneza mondo estas rezultato de malĝustaj pensoj,la malĝusta pensado de la homoj.

Ni devas fidi nin mem.Mi volas pensi,kaj mi volas ankau provi efektivigi tion.Tial ne lasu timigi vin per la vortoj, ke ni estas malfortaj, ni estas nur malmultaj,ni ne povas atingi ion.Multon povas atingi la unuopa homo,se li konscias sian forton kaj agas lau tio.

Dum la lasta autuno mi skribis artikolon,kiu aperis en la gazeto "Wir-Pionier".Pri tio mi ankorau volas diri ion.En la jaro 1931 ni konstruis kolonion en Svislando nomatan "Schatzacker"(Trezorkampo), vegetaran setlejon,sed hodiau la plejmultaj ne plu estas vegetaranoj.Tamen ni havas la areon kaj grandan ludejon,kiu enspezigus milionojn da frankoj,se ni intencus vendi ĝin.Due mi helpis organizi la "Wirtschaftsring",ekonomian societon la "Wir". Komence ĉi tiu "Wirtschaftsring" devis barakti kun grandaj malfacilaĵoj.Hodiau ĝi havas 13 000 membrojn kun jara debito de 80 milionoj da frankoj kaj disponigis al membroj kreditojn de 15 000 000 da frankoj sen interezoj (kiuj ne povas esti rentumataj).La jara profito sumiĝas je 3 - 400 000 svisaj frankoj.En novembro 1963 aperis artikolo de mi:"Dienendes Geld"(Servante mono) en la gazeto "Der Pionier"(La pioniro).En ĉi tiu artikolo mi klarigis la monajn aferojn.Kopion de ĝi mi sendis al ĉiuj svisa federaciaj konsilantoj,al la nacia banko kaj al eminentaj personoj, por ke ili foje legu tion.Je mia granda ĝojo respondis al mi federacia konsilanto Bone, la estro de la konfederacia financ- kaj limimposta departemento,al ĉi tiu artikolo kaj skribis, ke li rigardas multajn aferojn alie ol mi,li preferas firmajn ŝangkurzojn por la mono,li estas por la tuta afero.Tu mi respondis per afabla letero,kiel mi rigardas la aferon.Oni ne respondu per pugno,ĉar ili ja ankau estas homoj kiuj pens certe ili ankau serĉas ireblan vojon,ĉar ili ja vidas,ke tiel oni ne povas plu agi. (daurigo sur paĝo 18)



## N e   M o r t i g u !

Parolado de la parlamentano Israel Guri en la Parlamento, Jerusalemo - 1956)

- Eblas ke miaj vortoj aspektos ne rilatantaj rekte al la afero pri kiu ni hodiau diskutas (temis pri leĝpropono malpermesanta la porkbredadon en Israelo), sed mi estas konvinkita ke miaj asertoj havas rilaton al la temo. Mi konsideras la konsumon de viandaĵo devenanta de iu ajn besto kiel moralan pekon kaj mi venis reprezenti ĉi tie oponion de malgranda parto de niaj civitanoj.

Mi hezitis ĉu mi partoprenu la diskuton ĉar mi ne havas ian iluzion ke mi sukcesos konverti la parlamentanojn al mia vidpunkto. Sed laste venkis la pripensado: "Sendu vian panon sur la akvoj".

**Kiu scias la vojon de l'spirito?**

Estis ankau plia kialo kiu instigis min partopreni la diskuton. Kvankam la nombro de la personoj kiuj havas la saman konvinkon kiel mi estas eta - vi trovas ilin inter ĉiuj partioj de nia ŝtato. Mi plenumas do devon al tiuj ĉi civitanoj se mi klarigos ilian vidpunkton sur la tribuno de nia parlamento.

Kelkaj parlamentanoj petis min subskribi la leĝproponon kiu malpermesas la bredadon de porkoj kaj disvendon de porkviandaĵo en Israelo. Mi rifuzis la subskribon pro memkompreneblaj kialoj. Mia sinteno al la afero ne estas de piulo au liberpensulo lau la kutima signifo kiu akompanas la uzon de tiu ĉi difinoj, sed montras la sintenon de la homo de l'estonto, eble tre malproksima.

Se la mondo ne reiros al la ĥaosa stato, dank al la hidrogenbombo au alia bombo ĉe kies detruforto la hidrogenbombo estos preskau sensignifa, mi vidas en la malproksiman horizonton la staturon de la estonta homo, en la plena signifo de la imago "homo". En la mezuro kiam temas pri moralaj kaj spiritaj principoj, ili estas ja ligitaj kun la difino "homo" kaj ne nur sole kiel juda personeco.

Ĉiu kiu permesas la sangverŝadon de besto, ne cele sindefendo, sed por konsumi ĝian viandon,sciante ke ne domaĝas al iu, kaj kies sola kulpo estas ke tiuj kiuj posedas la forton, deziras havigi al si"plezuron de viandkonsumo - de kie ili havos la moralan forton

kontraŭstari, se ili permesas la sangverŝadon de aliaj vivestaĵoj? Ekzistas reciproka rilato inter murdo kaj murdo, kaj ambaŭ suĉas de la sama radiko.

Ekzistas ia difekto de la sensaro ĉe multaj milionoj da homoj kiujn oni konsideras kiel honestaj kaj moralaj laŭ la kutima difino. Tiuj ĉi homoj ne kapablas perfortigi kaj neniam levos manon kontraŭ samspeculo. Tamen estas - kompanianoj je murdo kaj ankoraŭ kreas por si alibion: "Se ne estus tiuj kiuj deziras satigi sian pasion al viandmanĝado, ne estus bezonataj specialaj "fakuloj" por bestbuĉado. Sed ili neniam povos sin defendi, ke ne estas kunuloj je mortigo de bestoj, plie - per ilia partopreno, ili ja estas la ĉefaj kulpuloj. Kaj kiom ĉagrenigas la fakto ke homoj kiuj okupas tre altan ŝtupon de kulturo, spirito kaj moralo - ne rifuzas la kunagadon.

Mi parolas pri la homo de la estonto, ĉar bedaŭrinde mi ne povas diri ke ĉiuj kiuj sin detenas de viandmanĝado estas gvidataj per morala sento aŭ morala konscio, kio prezentas la plej altan ŝtupon en la morala sfero.

Ankaŭ tiuj, ĉe kiuj tiu ĉi sento batas en ilia koro aŭ la morala konscio gvidas ilin en iliaj agoj, ne estas perfektaj homoj. Tiom pli tiuj kiuj abstinecas de viandaĵoj pro kialoj ne havantaj ion komunan kun la morala koncepto. Sed mi ne ignoras ankaŭ tiun ĉi atingon. Eĉ tiuj kiuj vegetaraniĝis ne pro moralaj kialoj, kapablas atingi pli altan ŝtupon de moraleco.

Mi ne kontraŭas la proponon postulanta malpermeson de porkbredado, ĉar laŭ mia vidpunkto troviĝas la radiko de la malbono sur alia ebenaĵo, kaj mi ne priploros la hararon, kiam oni detranĉas la kapon.

Se vi metus vian fervoron kiun vi fordonas en tiu ĉi diskuto - en batalo kontraŭ la krimo de mortigo de bestoj kiuj ne alportas domaĝon al ni, vi levus la gloron de la religio kaj moralo de la Judaismo al pli alta nivelo.

Kaj tiu ĉi lando kie naskiĝis altaj ideoj, kaj kristaliĝis en ĝi moralaj-kaj sociaj valoroj, denove bonefikus per ĝia spirito kaj radius per ĝia lumo al la hebrea popolo kaj al la tuta homaro.

* * * * * * * * * * * * * *

(daŭrigo sur paĝo 14)

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -



Julio Baghy

Homo, serĉu la homecon!

En la sangon, verŝitan sur tero,
dezirus mi trempi la plumon.
Portante komprenon kaj lumon
per gigante flamantaj literoj
volus skribi mi al firmament'
laŭ la dikto de l'sanglarma sent'
Homo, serĉu la homecon!

Ĉu ne honte por krono de l'kreo
sklavigi ĝis sentoj de bestoj,
diboĉi-triumfe dum festoj
kiujn baptis fratsango, mortveo?!
Vi pregante Dion, neas lin
kun blasfemaj sentoj en la sin'.
Homo, serĉu la homecon!

Blinda mondo de l'homa envio,
perdiĝis la mildo de l'koro.
Suferon alportos la horo,
ĉar nun regas vin - surda pasio!
Vi baraktas en ĉena katen',
alforĝita de vi - al vi mem.
Homo, serĉu la homecon!

Plendaj larmoj de viaj infanoj
por vivo petegas kompaton.
Komprenu ilian korbaton
ĝis veno de venĝouraganoj
por tutneniigi, mondo, vin,
nur malindan je la homdestin'!
Homo, serĉu la homecon!

Orfaj krioj, plorĝemaj sopiroj
veante krozadas sur tero.
Komprenon petegas mizero,
helpon de vi, senkoraj vampiroj!
Aŭdu, aŭdu filoj de gehen',
vortoj vin savantaj estas jen:
Homo, serĉu la homecon!.

****************************************

De tie ĉi, el la montaro de Jerusalemo, levu denove vian voĉon: "Ne mortigu!"

Mi scias - ebla alporti multajn dirâjojn de la Biblio, kaj pruvi ke la verŝado de bestsango estas permesata.

Sed ĉiuj tiaj dirâjoj pezas malpli ol la unusola ordono, desegnita per fajraj leteroj en la koro de tiu ĉi popolo, kaj kiu sonadas en niajn orelojn, ekde la apero de l'homo - ĝis fine ĉiuj generacioj:- Ne mortigu!

Elhebreigis: J. Dorn.

- - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - - -

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

La bovido.

Naskiĝis vi en stalmalhelo,
Ankorau mankas viv-konsci,
Buĉist' vin kaptas kun kruelo,
Por de l'patrino devas vi.

Kviete la unuan fojon,
Vi vidas belon de l'natur'.
Audante sed la hundan bojon,
la timo pelas vin al kur'.

Jam baldau en buĉeja korto
Brutale oni murdas vin.
Ne helpas krioj kontrau morto
Ĉe la terura vivo-fin'.

Sed diras via best'-okulo
Dum via lasta veo-kri':
"Animon havas mi simplulo!
Por mi ja ankau juĝos Di'!

Orig.verkite: Justinus Kerner
Esperanta traduko: Josef Burger.

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *



10 ordonoj de la "Mondligo por protekda[illegible] de l'vivo"

1. Pura aero - Protektaj disponoj per ŝtataj legoj, kontrau difektigo de la atmosfero per veturilaj gasoj kaj fabrikoja fumo, same kontrau radioaktiva [illegible] difektigo.
2. Pura akvo - Protekto de lagoj kaj grundakvon kontrau malpurigo, protekto kontrau venenoj uzataj por plantprotekto. Senriproĉa higienia trinkakvo.
3. Pura grundo - Protekto de l'grundo kontrau la sanec'-difektajn rimedojn, uzataj cele plant'protektado.
4. Pura nutraĵo - Pr[illegible]esi [illegible] leĝ'pr klamo, certiganta protekton kontrau senvalorigo de en- kaj eksterlandaj nutraĵoj, kiuj entenas sanec'difektajn materialon.
5. Protekto de la pejzaĝo kaj konservo de naturaj helpfontoj. Certigo de konservo de resanigaj regionoj. Protekto de la naturaj helpfontoj de la tero kontrau rab'mastrumado. Eluzo, konsiderante la bezonojn de la postaj generacioj.
6. Protekto de plantoj kaj bestoj - Protekto de la sovaĝe kreskantaj plantoj kontrau intenca ekstermado. Protekto de la koltur'plantoj kontrau malutilaj insektoj kaj plantmalsanoj. (kiom eble lau biologiaj metodoj). Protekto de la dombestoj kaj sovaĝaj bestoj je homa hejmigo, kontrau best'suferigo. Protekto de la libere vivanta bestaro, precipe de ekstermado de unuopaj specoj. Nova koncepto de la natur'protekta- kaj bestprotekta rajto kun pli bona gardado kaj pli severaj punleĝoj.
7. Sana vivmodo. - Apud la s.m. leĝoj, pliaj disponoj cele progresigo de l'homa saneco, kiel: ĝusta nutraĵo; sufiĉa moviĝo (migrado), normigita laboro, sanecaj laborejoj, akcident' asekuro, batalo kontrau la alkoholismo, protekto kontrau troa bruo, klerigo pri la danĝeroj de senlimigita pliiĝo de la ter'loĝantaro ktp.
8. Aprobo de la ĝeneralaj homrajtoj. - Ĉiu homo havas la rajton je la vivo, libereco kaj sekuro de la personeco, pretendo je pens'-konscienc'-kaj religi'libereco, same havas ĉiu homo rajton de opini'esprimo, disvolvo de sia personeco kaj je socia sekureco.
9. Konservo de ideaj-kaj moralaj valoroj.- Privenko de [illegible] pure materialisma profit'pensado kaj agado.
10. Estimo al la vivo. -

Por tiuj ĉi 10 ordonoj, estas la celoj kaj taskoj de la "Mondligo por protektado de l'vivo" mallonge desegnitaj, por kiuj la Ligo klopodas - per subteno al la ŝtato, al privataj institutoj kaj al organizaĵoj, kiuj agas en tiu ĉi senco. (fino sur paĝo 18 )

## Memore Johannes Uhde kaj Albert Schweitzer

Ambau estis universalecaj homamantoj kaj etiko-religiaj. Diferenco estis,ke la lasta ne estis "stampita" vegetarano; tamen lau sia etiko"respekto je ĉio vivanta",li estis fakte bestamanto -gardante dum sia pli ol 90 jara vivo(plejparte en la afrika ĝangalo por helpi la senhelpajn indigenojn) - Sed ambau amike interrilatis kaj A.Schweitzer protektis ke ankau Uhde ricevu la "Nobel-premion"pro sia senkompromisa batalado por paco kaj justeco en la mondo.Tamen la sinjoroj en la Nobel-premio komitato kontrauis tion,ĉar Uhde akre bataladis por la libersocia ekonomio lau Silvio Gesell,kiu kontrauas la kapitalistan ekonomion(privatan kaj ŝtatan). Fakte - estas la kapitalista ekonomio senetika,senhomeca, ĉar gi transdonas la potencon al la"Mamono";oni ja uzas generale la trompigan sloganon "mono regas la mondon".

Uhde estis fidela katoliko,vera religiulo t.e. amanto de la homo same kiel de Dio;"amu vian malamikon" estis por li ne nur frazo.

Same estis ĉe A.Schweitzer,sed li estis Luthers teologo, filozofo,famkonata organ'muzikisto kaj ĝangal'kuracisto.Al la lasta oferdonis ĉion alian,ĉiujn spiritajn ambiciojn kaj famon.Nome pro tio brilos lia nomo en la tuta mondo kiel esperiga stelo.

Vere,kion la mondo urĝe necesegas en ĉi tempo,estas - konsekvencemuloj,kiuj ne nur ekkonas kaj agnoskas la pli au la plej bonon,sed kiuj pretas sin oferi,privenki finfine la mortotimon.(precipe la sekvantoj de Kristo ne devas koni mortotimon,se ilia kredo je la eterna-postmorta vivo estas honesta kaj sincera). Necesegas do, porti la "Dian regon" en la mondon kaj sentronigi la "regadon de la mono".-

"Izolulo ne multe au nenion povas fari",oni ofte povas audi,sed - cu Kristo ne estis la nura "kristano"? kaj Uhde? kaj Schweitzer? kaj aliaj konsekvencemuloj?Sed - la konsekvencoj devas fonti el la universaleco kaj ne el egoisma "unuflankeco"; -unuiga homaranismo,kiun jam la majstro de Esperanto,Zamenhof akcelis.

Nur tiaj homoj kiel Uhde kaj Schweitzer povas esti ekzemplo por ni ĉiuj en la mondo - kies vivo estis kunigo de vorto kaj faro, penso kaj vivado, konvinko kaj konsekvenco.

Ni prenu la torĉon kaj portu ĝin al la fina venko!

Adolf Mosch.

==========================================



## I s r a e l G u r i .

Je la 17a septembro 1965, forpasis la vegetarano Israel Guri 75 jaraĝa.

Forlasis nin unu el la plej sindonemaj aktivuloj de la Israela vegetara movado dum la lastaj 25 jaroj.

*I. Guri enmigris Israelon dum 1919. En la sama jaro fondigis la generala laborista organizaĵo tutlanda. I.G. estis unu el ĝia kunfondintoj, kaj plenumis en ĝi multajn gravajn taskojn ĝis la fino.Dum 17 jarojn li estis la sekretario de la centra Kontrolkomitato kaj Plenumkomitatano de la laborista organizaĵo.

Parlamentano ekde la fondiĝo de la Israele ŝtato 1948, kaj ekde 1952 - sekretario de la ŝtata komitato de financaj aferoj, ĝis lia forpaso.

Dum la jaro 1960 aliĝis I.Guri - kun sia edzino - S-ino Gila - al Amirim, kie li konstrus sian domon, tamen venadis hejmen nur dum la semajna ripoztago kaj festotagoj, ĉar estis okupata en Jerusalemo kaj en Tel-Aviv, plenumante siajn taskojn. Precipe dank al lia interveno, disvolviĝis Amirim rapide ekde ĝia novfondiĝo.(fine 1958 okupis grupo de 25 gevegetaranoj la kolonion Amirim - interkonsente kun la ŝtata agrikultura departamento, kiam la antauaj loĝantoj forlasis ĝin).

Krome estas menciinde ke dank al I.Guri; ricevas la eldonanto de la vegetara revuo "Teva u Briut" - Inĝ.J.Grabois - ŝtatan subsidion de 4,000 Isr. Liroj ĉiujare, kio ebligas la ekzistadon de la revuo kaj ĝia regula aperado.

Al la Israelaj vegetaranoj restis neforgesebla lia parolado en la parlamento, dum la debato pri la porkbredado en Israelo. Liaj vortoj meritas auskulton, ne nur de israelanoj - sed de ĉiu homo en la vasta mondo, kiu scias pri la Biblia ordono "Ne mortigu!" -kaj daurigas partopreni la krimon - eĉ senrekte - per konsumo de viando, de senkulpe mortigitaj bestoj.

Kiel konscia vegetarano pro moralaj kialoj, estis kaj restos Israel Guri - ekzemplo por la Israeloj vegetaranoj kaj precipe por ni Amirimanoj, por kiuj li vere estis la "patro de Amirim", kiel oni karese nomis lin.

Honoron al lia memoro!

J.D.

---

*) Memore Israel Guri,aperis foliaro eldonita de la kultur'komitato de Amirim,kiu entenas i.a.lian paroladon en la parlamento (1956)kies tradukon ni publikigas en nia revuo. (vidu p.11)

Tio estis je la 4a de decembro 1963. En februaro 1964 okazis la granda debato en la nacia konsilantaro.En marto mi ricevis respondon al mia letero de decembro 1963 de la federacia konsilanto Bone. Li ne evitis la penon kaj igis ellabori ekspertizon de 6 - pagoj de liaj ekspertoj,por klarigi al mi, kial li ne povas akcepti mian proponon de liberaj sangkurzoj, kial li volas resti ĉe la'orvaluto, opiniante ke tio estas ĝusta.

Mian respondon mi ne povis verki tuj je la unua tago, sed bezonis 14 tagojn, ĉar tio estis iom malfacila afero.Mi demandis ankau s-ron Werner Schmied kaj miajn amikojn por audi ilian opinion. Ni kune laboris kaj mia respondo denove iris al s-ro Bone en marto, kaj post tio - - neniu respondo! Mi povas kompreni tion, li ne povas refuti,kiom mi skribis al li, aliflanke li ne povas pravigi min, ĉar li estas ligita al la registaro, tial li silentas.

En julio 1964 la nacia banko de Svislando konfirmis mian leteron de decembro 1963.En ĉi tiu letero mi skribis nau tutklarajn demandojn al la nacia banko, al kiuj ĝi ne respondis, eĉ ne unu vorton, tamen oni konfirmis la leteron. Mi esperas, ke mi malgraŭ tio tamen iom post iom venos en interparoladon kun la banko. Nun la afero plu dauras. Mi skribis la tutan korespondadon, kiu iris tien kaj reen en broŝuron:"Gute Kon-ohne Inflation"(Bona konjunkturo sen inflacio). Se okazos la voĉdonado, kiun oni devas okazigi ĝis 1965, tiam mi sendos mian broŝuron al ĉiuj svisaj gazetoj kun la petp,priparoli ĝin en la gazeto, por ke mi per tio enpenetru en la amplekan publikecon.

Kelkiuj certe pripensos tion, ĉar la urĝaj aranĝoj de la registaro kolerigas hodiau jam multajn civitanojn, kiuj rimarkis, kiom da malfacilaĵoj estiĝis per la leĝaj reguloj, konstrumalhelpaĵoj ktp. Tial ekzistas la ebleco, ke la popolo diros "ne", kaj la konsilantaro devos serĉi novajn vojojn kaj eble devos prezenti tute novajn ideojn. En ĉi tiu senco mi volas labori kaj esperas, ke mi ankau antingos ion.

Mi sendis la broŝuron ankau al la germana kanceliero Erhard, al Karl Blessing, la prezidanto de la germana federacia banko, kaj povas diri, ke post unu semajno mi ricevis respondon, en kiu ili dankis al mi kaj menciis, ke ili kun intereso legis la skribaĵon. Do, denove konstato, ke ni devas fari ion, kaj se ni tion faras afable kaj ĝentile, oni ankau sukcesas. Ili ja ankau serĉas solvon de la problemo. Mi skribis poste longan leteron, afable sed insiste. Ĉiam denove mi devas diri; ĉi tiuj gvidantaj personoj ja ne estas



idiotoj, nek ĉiuj estas senskrupulaj homoj; pri tio mi estas konvinkita. Ili serĉas kaj serĉas kaj volonte irus la ĝustan vojon, sed estasligitaj ĉi tie kaj tie, estas tre malfacile por ili trovi la kuraĝon kaj liberigi sin. Tial ni devas subteni ilin, ni devas provi alparoli ilian konsciencon. S-ro Bone estas ortodoksa katoliko, kaj mi supozas, ke li kiel katoliko eĉ preĝas, por ke li agu ĝuste. Tial mi estas tre danka al li, ke li ne evitis la penon respondi al mi kaj eble tamen helpus al ni en la montrita direkto. Mi ja ne scias tion, tamen mi ne malesperu jam antau dirante: tio ne utilas, per tio ni ne atingos ion. "Spite tion" - "Spite tion"! Kia mirinda vorto de la pensanta homo! Spite ĉiujn negativajn spertojn mi provas iri la ĝustan vojon, ĉar se ne kelkaj malmultaj agas tial, tiam ni povas ĉesi ĉiujn niajn klopodojn. Do, ĉiu pli fidu sin kaj siajn kapablecojn, tiam ni ankau sukcesos.

Tio do estas la funkciado de la afero, kaj nun kompreneble estas malfacile liberigi sin de ĉi tiuj or-potencoj, kvankam, kiel mi jam skribis al s-ro Blessing, Germanio kaj Svislando ne apartenas al la or-produktaj landoj.Tial ni povus liberigi nin de la oro. Oron produktas unuflanke Sudafriko, kun sia rasa distancigo ktp.,sed la oron, ĝin ili volas reteni. Aliflanke estas Ruslando, kie oni fosas la oron el la tero de Siberio. Kompreneble, la rusoj ridas, ĉar ili povas interŝangi la oron por utilaj objektoj. La okcidento ja ankorau dancas ĉirkau la oro. Kaj se la rusoj deziras havigi al si grenon, per kio ili pagas? Per oro! Kaj la amerikanoj diras; tio ja estas bonega, eĉ oron ni ricevas. Estas ne kompreneble por tiuj, kiuj vidas la kunligecon inter oro,valuto kaj ekonomio, ke oni tiel kroĉas sin je la oro. Mi skribis tial ankau al s-ro Blessing en mia letero: La okcidento nepre devus liberiĝi de la oro.

Pluan aferon mi nur volas tuŝi. Se niaj registaroj ne povas bremsi la inflacion - kaj momente aspektas tiel - se ili ne volas sin liberiĝi de la oro, tiam la afero plu iros, sed ili almenau kompensu la ŝparantojn kaj la maljunajn personojn pro la perdo kiun ili suferas. En Svislando ekzistas jam pensio-kasoj asekuraj, kaj kontraktoj kun sindikatoj kaj kun klauzoj; la federaciaj oficistoj en Svislando kiuj fariĝas 65 jaraj kaj ricevas pension,ricevas ĝin sur indeksbazo. Oni jam atingis ion kaj ĉiam pli kaj pli komprenas tion. Ĉe 10%- a plialtiĝo de la prezoj oni plialtigas ankau la pensiojn je 10%, por ke la aĉetforto restu la sama. Ĉi tiu principo devus esti aplikate

ĝenerale kaj devige. Facile ĉiu banko povas elkalkuli la plialtigon. Pli simple estas plivalorigi la bankhavaĵojn nominale kaj ĝenerale. Tio ne forŝtelus ion de la ŝuldanto kaj ne donacus ion al la ŝparanto, oni nur firmtenus la aĉetforton de la ŝparaĵoj.

Bedaurinde ekzistas grandegaj kontraustaroj flanke de la ŝuldantoj, kaj la plej grandaj ŝuldantoj sur la tero estas la plej multaj ŝtataj registaroj. Ni rigardu al Usono. Tie oni limigis la ŝuldsumon, je definitiva nombro, do pli altajn ŝuldojn ili ne volis akcepti. En printempo 1964 ili pligrandigis la sumon, por ke ili povu plialtigi la ŝuldsumon. Nun la ŝuldoj sumas 324 miliardojn da dolaroj! Tio estas po familio, preskau 30 000 gm. Pro tio estas klare, ke ekzistas grandaj kontraustaroj al la enkonduko de la indeks-garantio por la ŝparantoj.

Kaj nun pripensu, kiel la ŝtato povas repagi ĉi tiujn ŝuldojn, se la prezoj plialtiĝas kaj la mono pli malvaloriĝas? La ŝtato povas repagi la ŝuldojn per pli malvaloriginta mono. Tio estas grandegaj miliardaj sumoj,sed la presita mono estas trompo. Tial mi skribis al s-ro Blessing: "Se oni punas la malgrandajn ŝtelistojn, ni ankau malebligu ĉi tiujn trompegojn de la monvaloro, se ni volas esti honestaj kaj nomi nin kristanoj. Oni unue devas ordigi la primitivajn kaj memkomprenblajn aferojn, kaj postuli, ke oni parolu pri tio. En Svislando estas nur Werner Schmied, kiu nun havas la eblecon paroli pri tio en la parlamento; ankau mankas gazetoj kiuj skribas pri tio. Tial la grandaj malfacilaĵoj kontrau kiuj ni devas batali. Tamen malgrau tio oni devas insisti solvi ĉi tiujn aferojn.

Kaj ankoraufoje mi volas diri, mi ne estas por inflacio, nek por la malvalorigo de la mono. La monvaloro devas esti konstante, konstanta grando kiel ankau estas la metro. Sed se la ŝtato ne volas au ne estas kapabla atingi tio, tiam mi rigardas la pli malgranda malbono, se oni almenau ŝirmas la ŝparantojn kaj ne ŝargas ilin per la tuta malvalorigo. Tiamaniero restas la favora efiko de la plialtiĝintaj prezoj, ĉar tiel ja estas, ke per tio estiĝas plibona efiko, ol per malaltiĝantaj prezoj. Tio estas fakto. Sur ĉi tiu fakto ebliĝis la ekonomia miraklo, oni ne samtempe ŝargu la ŝparanton per la perdo,kion oni povas eviti per kontraktoj ktp.

Plue mi menciis la duan eblecon; inflacio sen trompo, t.e.sen tia granda trompo. En bagateloj oni ne ĉiam povas



atingi 100%-ojn da sukceso. Se ni atingos ĉiam 100%ojn,ni ne plu havos taskojn. Tiam ni ankau ne plu vivos. Tamen klopodi atingi la plej eblan, tio jam povas okazigi grandan sangon. Kaj tio estas la direkto en kiu mi provas labori. Mi ĉiam proponas al la homoj personan interparoladon. Bedaurinde ĝis nun neniu influhava persono akceptis tion. Oni bezonas paciencon tiurilate, kaj ni volas esti dankemaj, se ili almenau respondas al niaj leteroj kaj per tio montras, ke ili legis ilin.

Tial ankau la banko por internacia pagokompenso en Basel. Post kiam mi sendis la skribaĵon, oni respondis post ĉirkau 14 tagoj:"Mi legis vian leteron kun granda intereso". Tio estas tre grava por mi, ke li almenau klopodis legi kaj pripensi la aferon, se li ankau momente ne povas liberigi sin de la oraj katenoj, sed tamen iun tagon povas tie fermi io.

Tio estas la granda linio pri kiu mi volis paroli(fino).

**Tradukis:F.Hoelzger.**

---

## Efiko de plena fastado.

Du danaj kuracistoj publikigis lasttempe pri eksperimento kiun ili entreprenis kun dikaj personoj,cele malgrasigi ilin per plena fastado, dum dek tagojn.

Ili asertas ke trovis tiun ĉi rimedon utila kaj alportanta bonegajn rezultojn. La menciita artikolo aperis en la semajna revuo "Ugeskrift for laeger", verkita per D-ro V.H. Asfeldt kaj D-ro Mogens Tversen.

Ili raportas ke la eksperimento estis farita kun 31 virinoj kaj unu viro. Ĉiuj pezis pli ol 100 kilogramoj.La kuracistoj decidis ekprovi la plenan fastadon,ĉar per la kutima fastado oni ne atingas bonajn rezultojn, lau ilia raporto. Ĉe la plena fastado, la fastantoj ricevas nur akvon. La kvanto ne estas limigita. Krome ili ricevas koncentrigitajn vitaminojn. La rezultoj estis okulfrapaj; unu virino de la grupo,perdis 64 kg. dum 10 tagoj!

La s.m. kuracistoj avertas ke tiu ĉi fastado povas esti danĝera por hepat- kaj renmalsanuloj.Ciuokaze estas malpermesata ekkomenci la fastadon sen antaua kuracista analizo kaj sen konstanta observado en la malsanulejo.

---

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

Feliĉon kaj prosperon al ĉiuj gelegantoj kaj kunlaborantoj de "Vegetarano" deziras - okaze novjaro 1966 -J.Dorn.

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

## Vivmaniero de la unuaj kristanoj.

Antau la apero de Jesuo ekzistis komunumo se Ese'anoj en Palestino - krom aliaj skoloj. Ilia vivo kaj instruo tiom similis al instruo de kristanoj,ke kumunumo de Ese'anoj tute kuniĝis kun la kristaneco. Ilia dolora destino ankau estis persekutado.Rilate ilia vivmaniero estas konate,ke ili vivis en posedaĵa komuneco.Ili zorgis pri aliaj,ili ne edziĝis ktp. Pri junularo ili zorgis per tio ke ili akceptadis georfojn,kiujn ili edukis en siaj ideoj. Ili severe abstinecis de vianmangaĵoj kaj de ebriigaj trinkaĵoj.

Greka verkisto de hebrea deveno Josefo Flavius, kiu travivis inter ili en juneco 3 jarojn,skribis pri ili jene: Ilia vivmaniero tute similas al instruo de Pythagoras. Al ili estis propra posedaĵo komuneca,libervola celibato, deteno de viandmangaĵoj kaj de sangoferoj.Ili portis blankajn linvestaĵojn, ili konis magion,simbolikon de numeroj ktp. Ni devas pripensi pri vortoj de Augustinio,kio diris: "Kion oni nun nomas kiel kristaneco,tio estis jam de komenco de l'mondo ĝis la apero de korpa Kristo". Historioj de kristaneco rakontas nin,ke la unua Jesua komunumo,estis komunumo de malriĉuloj kaj libervole malriĉaj. Pro tio ankau la nomo "Ebjonitanoj" estis uzitaj komence por ĉiuj direktoj de Jesuaj samideanoj.Ke ĉi tiuj Ebjonitanoj konsideris bestnutraĵojn kiel sendian,argumentas Epifanes kaj ankau Clemens Aleksanderia en multe da lokoj.Clemens publikigis proprajn vortojn de Petro jene:"Mi vivas el olivfruktoj kaj pano al kiu mi nur iam aldonadas legomojn". Sur alia loko publikigis ankau ĉi tiu eklezia pastro el la komenca tempo de kristaneco ke ankau apostolo Mateo nutriĝis per planta dieto kaj viandaĵojn li entute ne uzadis.

Pri apostolo Johano eldonas eklezia historiisto Hegeripus ĉi tiun samen ateston.Augustinio rakontas pri apostolo Jakobo jene:"Jakobo,frato de Sinjoro nutriĝis per semoj kaj kreskajoj kaj li ne tuŝadis viandajojn nek vinon

El ci tiuj hazardaj ekzemploj estas videble,ke la apostoloj entute ne uzadis viandajn nutraĵojn kaj per tio ankau ec Jesuo certe ne uzadis viandon.

El famaj leteroj de Plinio al Tranajo ni ekscias ke la unuaj kristano nenion manĝis,kio estis naskita al vivo,sed ili manĝis nur tiel nomata nutraĵojn nekulpajn,t.e.kreskaĵojn,legomojn,fruktojn ktp.Kiam ili estis kulpigitaj,ke ili ĉe siaj oferaj festenoj traverŝas hom-sangon,ili



senkulpigas sin per vortoj:"Vi,kiuj scias,ke ni evitas bestsangon,kiel vi povas pensi ke ni estas avidaj je homsango? "Ĉi tiu abstineco de viando kaj de ebriigaj trinkaĵoj dauris inter kristanoj ankorau longe, eĉ poste kiam kristaneĉo fariĝis ŝtata eklezio,kaj poste la eklezio malbonmoriĝis...Ĉar konvinko,ke manĝi viandon kaj trinki ebriigajn trinkaĵojn estas nekunigebla kun kristaneco, estis tiel profunde enradikigita ĉe la unuaj kristanoj,ke ne estis eble eĉ al plej fervoraj korekturantoj ĉi tion forigi.Nombro de tiuj kiuj rifuzadis la viandon, ekzistis ankorau 400 jarojn post Kristo,tiel granda ke sur Aucyra eklezia konsiliĝo oni decidis,por ke pastroj kiuj volas nutriĝi per planta dieto, ke ili gustumu viandon, alie perdis la postenon kiel puno.

Samtempe estis pastroj,kiuj per ĉi tiu sama eklezio estis kanonizitaj kiel sanktaj,kaj ofte ĉi tiuj sanktuloj estis severaj,fanatikaj kontraŭloj de vianda nutraĵo.

Clemens el Aleksandrio (jaro 150-220 p.K.)fondinto de la Aleksandria teologa lernejo skribis:"Multaj homoj vivas,por ke ili manĝu,ili similas al neprudentaj bestoj, ilia vivo estas ventro kaj nenion alian."Sed la Majstro admonis nin:"manĝu ke vi vivu! Ĉar nia okupo ne estas manĝaĵo, 'u distraĵoj. Pro tio simpla kaj ne pikogusta, via nutraĵo devas esti,kaj ĝi devas servi al vivo kaj ne al lukso.

Bazilius Granda, ĉefepiskopo el Caesare kaj eminenta scienculo, skribis: "korpo,kiu pleniĝas per viandnutraĵ estas vizitata per malsanoj. Gusta vivmaniero sanigas ĝin kaj forhakas al malboneco la radikojn.Haledzoj de viandnutraĵoj ombrigas lumon de spirito. Stomako,kiam pleniĝas per ia ajn speco de viando, ĉiam kauza al la homo nepurajn influojn, animo preskau sufokiĝas sub ŝargo de nutraĵo, perdigas potencon kaj kapablon de pensado. Se vi amas viandon kaj vi vian korpon grasigas, poste via animo fariĝas melankolia kaj graso kiu kreskas sur korpo, malfortigas fortojn de spirito. Malfacile vi povas ami virtojn, se vi trovas plaĉon en vianmangaĵoj.

Johano Zlatousty rakontas pri vivo inter monaĥoj jene: "Ĉi tie ne fluas sango, animalojn ĉi tie oni ne buĉas kaj ne hakas. Frandemaj manĝaĵoj kaj peza kapo estas por monaĥoj tute nekonata. Ĉi tie ne malbonodoras teruraj malbonodoroj de viandaĵoj, au malagrablaj haladzoj el kuirejo, ĉi tie oni ne audas bruegon ktp.Vi kiuj manĝas viandon,

vi iradas en via vivo kiel lupoj kaj vi sekvas kutimojn de tigroj kaj de aliaj rab'bestoj,kvankam Dio donacis al vi propran intelekton kaj senton por justeco, vide tio ĉi,tiuj kiuj manĝas viandon estas pli malbonaj ol ĉi tiuj bestoj.

Ankaŭ sankta Antonio kaj Franciska nutriĝis per senvianda nutraĵo, kaj ili donis al siaj ordenoj severajn regulojn. Pli malfrue, kiam la ordenoj pliriĉiĝis kaj fariĝis pli potencaj, oni ne konsideris plu ĉi tiujn regulojn, kiel ankaŭ eĉ aliajn (ekzemple malriĉeco k.s.) kaj per tio ĉi oni poste - iom post iom - tute forgesis la regulojn kaj principojn.

Nuntempe estus certe tre bone, ke ni ĉiuj rememorus ĉi tiujn forgesintajn principojn kaj denove ekkonduku ilin en nian propran vivon kiel nian ĉefan homan principon.

Prelego de: P. Pitter
Esperantigis: M. Grossmann.

=====================================================

A ŝ o k o

Jen nomo,kies famo ĉiam estos dense ligata kun la vortoj budhismo kaj Budho. Certe, la konvertiĝo al budhismo de tiu ĉi imperiestro estis kaj estadas flata evento por la budha instruo kaj por la budhismdisvastiĝa movado.Tamen en tiu ĉi konverto ne gravas la socia altrango de la konvertiĝinto. Tio,kio ĉefe estas grave, estas la profunda sincereco,kiu karakterizas tiun konvertiĝon.

Tiu ĉi imperiestro,kiu konstante direktis siajn pensojn kaj penojn al novaj kon[illegible] [illegible]oj, post sia renkontiĝo kun la budhismo estiĝis tute nova estulo.Liaj v[illegible] kaj agado orientiĝis al aliaj kaj pli noblaj celoj. Iuj okcidentaj orientalistoj,kiuj ne rimarkas siajn proprajn kontraŭdiraĵojn, opinias ke Aŝoko uzis politike la budhismon.Kompreneble, ĉi-kaze la vorto "politike" estas uzata en iom aĉa signifo, ĉar la profesia politikisto ne ĉiam havas bonan reputacion,Tiuj estimataj orientalistoj nur forgesas aŭ ignoras, ke la fundamenta celo de la Aŝoko politiko estis ŝanĝanta.Male al tio, kiom ili volus kredigi, la fama kaj sincera amiko de la budhismo adoptis politikon,kiu servis al sciigo de la budhismo al ĉiuj loĝantoj de lia vasta imperio.

En la kadro de la ĝenerala politiko de la konvertiĝinta imperiestro, tio estas nediskutebla, estas lia vasta arĥitektura plano, kies kelkaj ruinoj estas ankoraŭ videblaj en nia epoko.

Tiuj famaj ruinoj estas tutmonde konataj kaj la surskriboj, kiujn ili transdonas al la sekvantaj generacioj de



homoj, estas iafoje taksataj de orientalistoj kiel pli certaj fontoj por kono de l'budhismo ol la kanonaj skriboj.

Inter la surskriboj,kiuj estis ĉizitaj sur la rokon aŭ sur la kolonojn de konstruaĵoj mi elĉerpas la sekvantajn:

- Mi taksas la feliĉon de ĉiuj kiel verkon por kiu mi devas labori.
- Por ĉiuj homoj same-kiel por miaj infanoj,mi deziras la plenon de la feliĉego kaj de la komforto.
- En kio konsistas la religio? Fari malpli malbonon, abunde fari bonon, per la praktikado de la kompato,de la amo kaj ankaŭ de la pureco en la vivo.
- Kaj kio estas la celo de ĉiu peno,kiun ni faras? Estas sukcesi en la repago de mia ŝuldo, kiun mi ŝuldas al la aliaj kreaĵoj, feliĉigi ilin en tiu ĉi vivo kaj la ĉielon gajnigi al ili en la alia vivo.
- Do, tiu ĉi pia surskribo estis gravurata sur tiu ĉi roko kun la celo ke nia posteularo ne supozu, ke ĝi devas entrepreni novajn konkeraĵojn.Ili ne taksu la peramilajn konkeraĵojn indaj je la nomo konkeraĵo; <u>ili vidu en tiaj konkeraĵoj nur konfuzon kaj perforton.</u> Krom la triumfoj de la religio,ili nenion rekonu kiel veran konkeraĵon.

("Budhana Kuriero)     Marcel Bury.

=====================================================

Esti "Homo" plej valoras!

Jam ovitante nikotinon,
kaj sen injekto, alkoholo,
ni ne bezonas medicinon,
ni sanas sen venen',pilolo,
- sed ĉio ĉi ne faras Homon!

Ruzuloj elokvente brilas,
aliaj nur negoce fuzas,
al triaj cerbo ne utilas,
ĉar ili ĝin malofte uzas,
- sed ĉio ĉi ne faras Homon!

La lukto por Libero, Vero,
por ke stulteco estu fora,
kaj malaperu per homklero
servista klasoj kaj sinjora,
- nur tio faras veran Homon!

Josef Burger.

*************************************************************

Vizito en hospitalo Buch. (Orienta Berlino)

La 18-an de augusto, germana amikino esperantista kaj mi havis interparolon kun D-ro Conradi en la sekcio por fizio- kaj dietterapio. Tio la pacientoj ricevas plenvaloran nutraj i.a. ankau parton de krudnutraĵo, panon el tuta greno, iometo da sukero, legomojn, fruktojn kaj fruktosukojn.

La esenca tasko konsistas el revekigo al reakcikapablo en la korpo, tio signifas, ke la bazaj funkcioj de la korpo instigiĝas per ank... pli multaj pritraktado... prizorgi pl... fekadon plurfoje ĉiutage - fari bonan spiradon - al... gi pli bonan sango-cirkuladon pere de gimnastik-ekzercoj. Al la diversaj malsanoj oni uzas respektivajn banojn, unue ordinarajn purigajn banojn sen medicina aldono. - La tuta hospitalo konsistas el 12 konstruaĵoj kun c. 120 litoj en ĉiu domo, verdaj herbobedoj, floroj kaj arboj situas inter la domoj.

Utilaj estas sunbanoj - radiigoj - ŝvitigaj tapiŝaj envolvadoj - ĉiutagaj partaj Kneipp-pritraktadoj - sauna-banoj - rentgenterapio ktp. (La finna sauna-bano signifas banĉambrabano kun seka varmo ĝis 64 gradoj, ĝi estas mondfama pro ĝia purigado de la poroj en la hauto, kaj oni finas la banon en malvarman akvon, por ke la plivastigitaj poroj denove malvastiĝu). La spirado tra la hauto estas gravega, sed la parta konstipeco de la poroj estas ordinara fenomeno ĉe la civilizaj homoj.

D-ro Conradi montris al ni la gimnastikejon kun diversaj iloj, la banejon por la medicinaj banoj kaj tiun ĉi saunan banejon. Ni vidis la diet-kuirejon kaj la manĝaĵ-veturilon, plena de belega krudnutraĵo por la pacientoj.

La konstruaĵo mem estas bela ekstere kaj interne, la ĉambroj kaj la koridoroj estas helaj kaj konvenaj al ĝiaj celoj, la odoro tie faris bonan impreson al mi, kaj la pacientoj povas fari al si komfortan restadon. En la atendejo afabla sinjorino nomata Heider vendis al mi libron kun la titolo "SANA KUIREJO", (Gesunde Küche) sesa plivastigita eldono, kies verkisto estas Prof. D-ro med. Herbert Krauss, la nuna gvidanto de la kliniko de fizio- kaj dietterapio en Buch. La vivkonfirmi enhavo de la libro instigas min esperi, ke multaj, grandaj fr plantejoj kaj nuksohegoj en DDR estos kulturataj en sana t por la estonta rikolto, grandaj legomkulturejoj, por ke la hom povu antaugardi malsanon.

Alian tagon mi vidis la hospitalon "Charite". En sekcio Louisenstrasse, alia germana amikino de mi ricevis dikintest banojn lau metodo de hungara kuracisto, purigadon de la tuta



dikintesto, kaj mi povas aserti, ke tio estas necesa. Mi provis tian purigadon en kliniko en Svedujo, kaj poste la krudnutraĵo aldonis al mi pli da profiton.

La generala, civiliza nutraĵo ne nur restigas rubojn en la dikintesto, sed ankau la histo farigas difekta pro ruboj de la nutraĵo. Pro mia estinta malsano de kancero, la naturkuracado okazas ĉiutage en mia hejmo, malgranda domo kaj sufiĉe granda ĝardeno en vilaĝo Apperup. Bonaj vivkondiĉoj permesas al mi atingi ĉiutage la konstantan ekvilibron en la korpon kun 20% acido - kaj 80% alkalioenhavo. La tielnomata burĝa manĝaĵo kauzas - pro ĝiaj tro multaj acidformantaj substancoj - degenerajn malsanojn, kiuj rezultas pro la malĝusta proporcio 20%:80%. t.e. sur unu parto de acid'-enhava - necesas kvaroble alkali' - enhava nutraĵon.

Betty Larsen.

---

## Sukero kiel kuracilo

Pri "nova" kuracilo informis D-ro Barnes, unu el la gvidantoj de Washingtona malsanulejo (Usono) por hautmalsanoj. D-ro Barnes malkasis ke per sukero eblas sukcese kuraci kronikajn hautmalsanojn.

Oni metis eksperimente - peceton da sukero sur la vundo kaj bandaĝigis ĝin per novspeca elasta bandaĝo. La rezultoj estis absolute kontentigaj, precipe ce purigo de kronikaj vundoj, de kiuj la pacientoj suferis dum multaj jaroj. Dum nenia alia kuracmaniero ne helpis, ec en kazoj de transportigo de sana hauthisto, ili estis kuracitaj dank al la uzado de sukero.

D-ro Barnes prezentis 15 malsanulojn, kiuj suferis de 49 hautvundojn. 41 de ili estis kuracitaj entute, dank al la plastro entenanta peceton da sukero, la ceteraj 8 vundoj elmontris grandan kuracprogreson, kompare la antaua stato.

La kuracperiodo de la 15 malsanuloj, dauris de 12-ĝis 140 tagoj. Kiam d)ro Barnes rakontis al sia patrino pri lia "novmalkasita" kuracilo, ŝi entute ne miris kaj rakontis al li, ke dum lia infaneco ŝi ĉiam bandaĝigis liajn hautvundojn per sukero "ĉar ĉiuj scias ke la sukero helpas."

"La kuracmetodo per sukero - diras D-ro Barnes - estas malmultekosta kaj utila, kaj la malsanulo povas apliki ĝin hejme, sparante la elspezojn necesaj por restado en la malsanulejo." (el "Maariv" - Tel-Aviv).

B e s t p r o t e k t a d o

Je la fino de la pasinta jaro invitis Prof. Grzimek, direktoro de la zoologia gardeno de Frankfurto ĉ.Majno,la filmaktorinon Gina Lollobrigida rezigni estonte leopardfelajn mantelojn. Jam antau kelkaj jaroj la reĝino Elizabeto IIa de Britujo,Jakelino Kennedy kaj la princinoj el la reĝa familio nederlanda deklaris spontane.,estonte ne plu aĉeti leopardfelajn mantelojn.Prof. Grzimek en sia luktado por la konservado de la grandaj rabkatoj afrikaj publikigis du filmojn "Nenie loko por sovaĝaj bestoj kaj "Serengeti ne mortu!", kiuj apelaciis la bestamikojn en la tuta mondo al la protekto de felbestoj ĉasataj pro vestmodaj celoj.

Prof. Grzimek akiris multajn meritojn pri la konservado de sovaĝe vivantaj bestospecoj en la tuta mondo.Kanada leĝo kontrau la kruela amasbuĉado de fokoj en la kanadaj akvoj same kiel la kreado kaj starigo de nestprotektaj areoj kaj la konservado de naciaj bestoparkoj en Afriko estas dankindaj al lia iniciato.

Per grandaj mondonacoj li helpas, speciale en Afriko,protekti la tiean ekzotikan bestaron kontrau ekstermo kaj pereigo.Liaj prelegoj en la germana televido ĉiufoje estas vid-auskultataj de multaj milionoj da bestamikoj antau la ekrano. (el "Okcidentgermana Revuo"*).

==========================================

(10 Ordonoj - - - fino de paĝo 15)

"Mondligo por protektado de l'vivo" mallonge desegnitaj, per kiuj la Ligo klopodas - per subteno al la ŝtato, al privataj institutoj kaj al organizaĵoj,kiuj agas en tiu ĉi senco.

La Ligo eldonas -propagandcele - revuon "La vivo"(Das Leben" - germane),publikigas artikolojn en la gazetaro, aranĝas kunvenojn,prelegojn,kursojn,Radio - kaj Televid' programojn ktp.

La Mondligo por protektado de l'vivo",plenumos ĝiajn taskojn pli bone,ju pli granda estos ĝia membraro.Tial ĝi turnas sin al ĉiuj kun la alvoko kaj urĝa peto:

PROTEKTU LA VIVON! - PROTEKTU VIAN VIVON!

---

*) Organizaĵoj kaj soluloj kiuj aprobas la celojn kaj agadon de la Ligo,kaj deziras kun labori,per fondo de branĉo en ilia lando au alimaniere - bv.kontakti kun la Ligo,proponante la uzon de Esperanto en internaciaj rilatoj.



* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

Al la unua dumviva membro de T.E.V.A.
S-ro Adolf Moŝ - elkorajn bondezirojn!
sendas:J.Dorn(Amirim)

* * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * * *

Pri la vegeraraj filozofoj.La tuta antikva filozofio intencis al vivsimpleco kaj instruis limigon de la postulој.En tiu ĉi senco,faris la malmultaj vegetaraj filozofoj pli por la homaro ol ĉiuj modarnaj ~~fil~~ filozofoj,kaj tiom longe la filozofoj ne posedos la kuraĝon serĉi entute alian vivformon kaj pruvi ĝin per ekzemplo - ili ne havas ian valoron.

Tiucele necesas pli da pensemo kaj eltrovkapablo,ol tiun kiun "tre" saĝaj homoj posedas:La pli honesta de ili eble konfesos:Mi ne havas tempon por pripensi tion;sed la modesta vivformo estas por mi tre nobla celo,kaj mi volas atendi,ĝis pli saĝaj homoj ol mi estas - trovos ĝin.

(el "Tamtamo ) Friedrich Nietsche.

==========================================

K v i t a n c o j.

S-inoj:Betty Larsen - 10 dolaroj, Ebba Erikson - 10 resp.k. M.Nixon - 10 silingoj,. - S-roj:Josef Burger - 80 d.markoj, M.Grosman - 8 resp.kup.Lluis Armadans - 2 resp.kup.J.Dunaj, C. Novenstern,·M.Bernholz,Prof. J.Koen Cedek - po 1 isr.liro

**Al ĉiuj sendintoj - elkoran dankon !**

==========================================

Diversaĵoj - Adreso de la "Ligo por protektado de la vivo": "Weltbund zum Schutze des Lebens",7295 Dornstetten ,
(Schwarzwald)Germanujo.

- Dum 1964 aperis la dua parto de la libro,verkita per Käte Moritz:"Vivo kaj agado de Prof.Johannes Uhde(germane). La unua parto aperis dum 1961,havebla ĉe:"Friedens-Verlag, Salzborrg(Grossmain)Austrio.

- Aperis la Esparanto-lernolibro de Leo Turno,tradukis(por hebreoj) el la pola,D-ro Henryk Maŝler.Eldonis.Esparanta Ligo Israelo(prezo 3 isr.liroj=1 usona dolaro.)

- Aperis n-ro 20 de "Nia Ligilo"(Okt-Dec,1965).El la enhavo: Muzeoj en Israelo/Solenaĵoj de bar-micva en Kibuco/"Libera" Interparolo inter elstara anglo kaj elstara franco/Recenzo pri la novaprinta Esparanto-lernolibro por hebreoj k.a. interesa materialo.Eldono de la Esparanta Ligo Israela, Tel-Aviv,Kaliŝer str.48,Israelo.

## Al niaj legant(in)oj.

Laŭ interkonsento, okupos la prezidanto de la "Universala Movo de Informado" D-ro H.B.Juneby, la oficon de ĝenerala sekretario de T.E.V.A., same eldonos kaj redaktos s-ro Juneby, la revuon "Vegetarano" ekde 1966.

Per tio ĉi ekkomencas nova periodo por "T.E.V.A." kaj ĝia organo "Vegetarano".

Sinjoro Juneby partoprenis la vegetaran kongreson en Anglujo ĉijare, kaj ekkomencis dum kaj post la kongreso, agadon favore T.E.V.A. kaj "Vegetarano".

Bedaŭrinde mi ne sukcesis superreŝi la situacion (ekde 1959, kiam mi transprenis la eldonon de "Vegetarano"). La revuo aperadis kun malfuruiĝoj, estis multe da preseraroj ktp. kio grave ĝenis ĝian diavastigon, kio plu esperoble ne okazos.

Ĉiokaze mi esprimas mian elkoran dankon al ĉiuj ges-anoj kiuj subtenis la revuon per alsendo de artikoloj, per pago la kotizon per respondkuponoj aŭ per monsendoj, kio ebligis la eldonon de "Vegetarano". Precipe mi ŝuldas dankon al S-ino Betty Larsen, kiu tiom sindoneme subtenis la revuon ekde 1957.

Mi esperas ke la gelegantoj daŭrigos fidelecon al la afero, ĉefe per varbado de novaj legantoj. Nia revuo, kies ĉefa tasko estas: diskonigi la mesaĝon pri vegetarismo per la lingvo tut-monda Esperanto - meritas rekompencon de la legantoj kiuj ricevas ĝin. Pagante la kotizon, vi ebligas la eldonon de la revuo kaj ĝian pluan disvolviĝon.

Al S-ro B.Juneby mi deziras plenan sukceson! - Jehezkel Dorn.

==================================================

Adresoj de perantoj de "Vegetarano":

1. S-ino Betty Larsen, Skindersøvej, Apperup, Alsgarde Danio.
2. Akademiano I.H.Krestanov, Sofia, 6 Septemvri str. 2. Bulgario.
3. Jehezkel Dorn, Vegetara Kolonio Amirim, Mrom ha'Galil. Israelo

La perantoj en aliaj landoj, dezirantaj daŭrigi sian agadon, aŭ interesuloj pretaj kunlabori -bv. kontakti kun la ĝenerala sekretario: S-ro Bertil Juneby. Box 738, Jonkoping 4. Svedujo.
(pri membriĝo al TEVA, bv. sin turni laŭ la supra adreso).

==================================================

(fino de "Sennorta bestamo" paĝo 31)

"En tiu ĉi libro estas donitaj la fruktoj de mia multjara bestprotekta-kaj edaka laboro. Ĝi estas - kompare la grandaj mond-eventoj - malgranda kandelo lumigante senĉese. Ekzistas tamen konsolvorto, kiun orienta saĝulo esprimis: "Prefere oni ekbruligu malgrandan kandelon, ol insulti pri la mallumo."

(el la junulara revuo "Gefährten".) tradukis: J. D.

==================================================



## Recenzoj Annelore Detering.

"Senmorta bestamo" (Unsterbliche Tierliebe), estas la titolo de germanlingva "lernolibro" de speciala speco. Antaŭ 16 jaroj fondis sinjorino Rampis-Nast ŝian bestprotektan lernejon, kiu estas unika en la mondo. S-ino Rampis-Nast ekkomencis ŝian laboron kun malmulte da lernantoj, kies nombro kreskis iom post iom ĝis pli ol 800 da lernantoj, kiuj aliĝis libervole al tiu ĉi lernejo.

La esprimo "Bestprotekta lernejo" povas aspekti iom strange - ekzistas ja sufiĉe da societoj kies intenco estas bestdefendo, kial do Bestprotekta lernejo? S-ino Rampis-Nast ekkonis tamen, pro kio temas; temas por ŝi ne nur ke bestoj havu protekton kaj hejmon. Super la bestprotekton ŝi deziras instrui siajn lernantojn homecon, respondecon kaj helppretecon.

La s.m. libro enkludas ĉion kune, kio estis atingita per sperto kaj scio dum multaj jaroj. Ĝi enkondukas nin - antaŭ ĉio - en la problemoj de la bestprotektado kaj eduko al bestamo. Grandan spacon okupas originaj laboroj de la lernantoj, kiuj prezentas antaŭ la leganto la praktikan agadon. Jen estas prelegoj aŭdataj, artikoloj-skribitaj; la lernantoj mem havigis temojn. Poeziaĵoj estis verkitaj, kiuj kelkfoje malkaŝas, eĉ en ĝia infaneca stilo - entuziazmon kaj sindonemon. La temoj kaj la taskoj kreskis kun la kreskanta aĝo de la lernantoj.

Unu ĉapitro estas dediĉita al la historio de la bestprotekta lernejo. La finaĵo prezentas superrigardon pri: "Aferoj kiujn ni devas aprobi kaj aĵojn kiujn ni devas ŝanĝi". Multe da bildoj vivigas la libron. Ĝi montras kiel la moderna junularo devas esti alparolata. S-ino R.N. volas servadi mem kaj trovi elvojon, kaj ŝi deziras sinceran sintenon al ŝia strebado.

Ne nur en la mano de instruisto kaj grupgvidanto, sed ĉe ĉiu familio, estas tiu ĉi libro ideala helpanto je eduko al respondeco kaj amo al la senhelpa kreitaĵo.

"Amo al la besto, amo al la homo, ambaŭ havas la saman radikon: Ĉiu speco de amo forpelas malamon kaj rezultas homecon", diras s-ino Rampis-Nast.

Tiel ŝi kreis - per tiu ĉi unua bestprotekta lernejo, kaj per admirinda sindonemo - verkon, kiu estas en la vera senco de la vorto - helpo por la besto kaj lernejo por la homo. La verkistino finas la libron per la vortoj:

(fino sur paĝo 30)

## Pri la avokado

La avokado estas frukto de la arbo "Persea Gratussima" de familio "Lauraceae". Ĝia patrolando estas Meksikio kaj la centra Ameriko, kaj disvastigata en certaj subtropikaj landoj: Kolumbio, Kalifornio, Florido, Teksas kaj Kubo, Dum la lastaj 20 jaroj ankau en Israelo, kie ĝi prosperas bone.

La frukto diferencas je grandeco kaj formo; ekzistas kugleformaj, aliaj similas al piro. La ŝelo diferencas je kolero kaj strukturo; iuj specoj havas flav-verdan-, aliaj viol-nigran koloron. Iuj specoj havas maldikan ŝelon kiel papero, aliaj - malmolan dikan ŝelon. Same diferencas la pezo de avokado. Ekzistas specoj de 100-200 gramoj, kaj certaj specoj pezas ĝis 1 kilogramo.

Grandegaj kvantoj de avokado estas vendataj en la merkatojen Usono, kaj dum la lastaj jaroj ĝi estas eksportata al Europaj landoj, kies uzado kreskas de jaro al jaro.

La avokado estas frukto bongusta kaj konvena - precipe - al legomsaladoj, kiel natura majonezo de alta nutrigvaloro. Ĝi entenas 15%-20% facile digesteblan grason, diversajn mineralojn, vitaminojn de grupo B, kaj iom da proteinoj (ĉ, 2%).

La oleo de avokado estas komponento de certaj kosmetikaj varoj, kaj estimata pro ĝia bonefikeco sur la hauto.

Unu el la plej bongustaj specoj de avokado estas la "Fuerte". 80% de la Kaliforniaj plantejoj, konsistas el "Fuerte". Same bongustas la specoj: "Nabal", Benik", Hass" (malgranda frukto, pezas ĝis 200 gramojn) kaj "Etinger" (tre populara en Israelo).

La avokado-arbo estas kulturata dum la lastaj jaroj - eksperimente - en la sudaj regionoj de Hispanujo, Afriko, Australio kaj en la suda Sovetujo.

Resume eblas diri, ke temas pri gravega nutraĵo por ĉiu homo, precipe por vegetaranoj kiuj rezignis bestdevenah buteron kaj aliajn laktaĵojn. Ĝian vastan uzadon ĝenas ne nur, ke estas malmulte konata, sed precipe ĝia relative alta prezo. (el la libro de Diana kaj Purcel Weaver -"Naturaj nutraĵoj - angle -, kaj el "Kulturado de subtropikaj frukt-arboj - hebree - de D-ro H. Openheimer). tradukis: J.D.

---

"Vegetarano", kvaronjara revuo, stencilita Organo de TEVA. Kotizo: unuopa n-ro - 2 resp. kuponoj, duobla n-ro - 3r. kup. Pagebla al la ĝenerala sekretario de T.E.V.A.: s-ro Bertil Juneby, Box 738 Jonkoping 4, Svedujo (au al peranto de "Vegetarano" - vidu paĝo 30).